# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Februaro n-ro 2/2008

## HUMPHREY TONKIN SALUTAS NIN

La konata Esperanto-aktivulo sendis al ni la jenan mesaĝon:

> *"02/2008. Dankon pro sendo de informoj pri la BEL-konferenco kaj multajn gratulojn pro via tre interesa kaj trafa laboro. Kun aparta interesiĝo mi legos la kajeron de prelegoj. Humphrey Tonkin"*

## INTERLINGVISTIKA REVUO EN BRAZILO

La Redaktoroj de la nove lanĉita Interligvistika Revuo sendis al ni mesaĝon por informi pri la januara numero, legebla per la retejo: http://leitejr.sites.uol.com.br/esperanto/ilr200801.htm. Redaktas ĝin Paulo Nascentes (UnB), Emerson Werneck (UnB) kaj José Leite Jr. (UFCE). Jen la enhavo: JUBILEO DE EŬGENIO MIĤALSKIJ – Tatyana Auderskaya: BRAZILO MARŜAS AL REKONO DE MULTLINGVISMO KAJ ESPERANTO - Emerson Werneck: ESPERANTO EN BRAZILO - Edgar Massaaki Egawa: PAROLIGANTE LA LERNANTARON - Paulo Nascentes: DEFENDE AL LA PORTUGALA: LA PROJEKTO DE ALDO REBELO TRADUKITA POR PLIA PRIPENSO - Jozefo Lejte. La iniciatintoj petas, ke oni sendu opiniojn por plibonigo de la grava, universitatnivela periodaĵo.

## INVITO AL LA 7-A TAKE

De la Amerika Komisiono de Universala Esperanto-Asocio ni ricevis inviton al la 7-a Tutamerika Kongreso, kiu okazos de la 12-a ĝis la 18-a de julio 2008, en Montrealo, Kanado. Tiaj eventoj okazas ĉiun trian jaron. La temo de la Kongreso, ĉi-jare estas: "Ekosistemoj, lingvoj, kulturoj: diverseco por daŭropova evoluigo en la Amerikoj". Oni atendas centojn da partoprenontoj por varia kaj interesa programo. Informojn ĉe: informo@take7.ca

## GRAVAJ GEEPERANTISTOJ VIZITAS NIAN SIDEJON

Foto kompleze sendita de Detlev Blanke

La germana lingvisto kaj esperantologo Detlev Blanke kaj lia edzino Wera Blanke vizitis BEL-sidejon la 18-an de januaro 2008, akompanataj de S-ino Úrsula Grattapaglia de la bieno Bona Espero (Alto Paraíso – GO). La paro alvenis Bonan Esperon je la 24-a decembro 2007.

## NOVAJ KURSOJ DE ESPERANTO

La tre aktiva Angela Faria anoncas novajn kursojn ekde januaro 2008. Informojn legu ĉe http://acesperantojf.vilabol.uol.com.br . Adreso: Associação Cultural de Esperanto de Juiz de Fora: Rua São Mateus, 872 - loja 10 - São Mateus – Juiz de Fora. El Volta Redonda/RJ la ĉiam entuziasma veterano Alberto Flores sendas la jenan informon: "Ekde Marto 2008, nova eldono de la loka baza E-Kurso en Centro Gerontológico de Asocio de Emeritoj kaj Pensiuloj VR (AAP-VR), Strato 46 no. 12 - Vila Sta. Cecília, ĉiumerkrede, de la 8h30 ĝis 10h00. En la pasintjara eldono, ĝin finis ĉ. 15 gelernantoj el 30 (50% je profito)."

### HUMPHREY TONKIN ENVIA MENSAGEM

Transcrevemos simpática mensagem do mundialmente conhecido líder esperantista, ex-presidente da Associação Universal de Esperanto.

### REVISTA DE INTERLINGUÍSTICA NO BRASIL

A nova revista, de nível universitário, apresenta o número de janeiro na Internet, com artigos de grande interesse. Os Redatores Paulo Nascentes (UnB), Emerson Werneck (UnB) e José Leite Jr. (UF CE) convidam os leitores a enviar sugestões e colaboração. Leia em http://leitejr.sites.uol.com.br/esperanto/ilr200801.htm

### CONVITE AO 7º CONGRESSO PANAMERICANO DE ESPERANTO

O importante evento vai acontecer de 12 a 18 de julho de 2008, em Montreal, Canadá. A Comissão para a América, da Associação Universal de Esperanto, convoca a todos.

### EMINENTES ESPERANTISTAS VISITAM A SEDE DA LIGA

Wera e Detlev Blanke, conhecidos ativistas do Esperanto visitaram a sede da Liga em Brasília, em 18 de janeiro último.

### NOVOS CURSOS DE ESPERANTO EM JUIZ DE FORA (MG) E VOLTA REDONDA (RJ)

Ângela Faria, em Juiz de Fora e o veterano Alberto Flores, em Volta Redonda, incansáveis batalhadores do Esperanto em suas cidades, anunciam novos cursos no início do ano. Exemplos a seguir!

# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

*psviana@terra.com.br*

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Februaro n-ro 2/2008

Foto: Milene Rinaldi

Karikaturo: Osmar da Silva Alves

## SUKCESE OKAZIS "BEL-KONFERENCOJ" 2008

"Je la 3-a kaj 4-a de februaro - do meze de karnavalaj tagoj - okazis en la Domo de Kulturo de Lorena "BEL-konferencoj" / 2008. Kun ĉeesto de kvindeko da entuziasmaj partoprenantoj, sin sekvis sep altnivelaj prelegoj: pri "Lingvaj Rajtoj" (J. Passini), "Esperantaj Vortaroj" (Sylla Chaves), "Rendevuo kun Fernando Pessoa" (F. Wechsler), "Brazilaj Intelektuloj kaj Esperanto" (A. Sartorato), "UEA kaj la Brazila Movado" (J. Pitton ne povis ĉeesti, sed la publiko vigle debatis la temon surbaze de lia sendita teksto), "Komparado de Tradukoj en Esperanto" (F. Pessoa) kaj "Akademio de Esperanto" (G. Mattos). Ĉiujn prelegojn oni kompletigis per multaj demandoj kaj komentoj, tiel ke la interŝanĝo de pensoj kaj opinioj estis tre fruktodona. Brazila Esperanto-Ligo kaj Eldonejo "Oportuno" disdonis senpage al ĉiuj partoprenantoj kajeron kun la tekstoj de ĉiuj prelegoj. Semajngazeto "Atos" en la urbo informis pri la evento, Radio "Cultura" en Lorena intervjuis la organizinton pri ĝi kaj la retejo de la urbo enmetis noton. Domo de Kulturo de Lorena disponigis tre taŭgan ejon, kun komputila projekciilo, kaj aliaj rimedoj, krom du oficistinoj.
"BEL-konferencoj" estas nova iniciato en la brazila movado, cele al plia flegado de niaj kulturaj valoroj, ĝenerala klegiĝo kaj stimulado al amika kaj riĉiga kunvivado. Nun la Estraro diskutos, ĉu oni enmetu ĝin en la kalendaron de aktivecoj de la Ligo. "

## "BRAZILA ESPERANTISTO" BEZONAS ANONCANTOJN, KAJ "LA LAMPIRO", VERKANTOJN

Francisco Wechsler, redaktoro de la oficiala organo de BEL – "Brazila Esperantisto", alvokas anoncantojn por la proksima numero. La pasintan numeron anoncoj subvenciis la eldonon. Ni ripetu la helpon! Kondiĉoj por anonci en la revuo legeblas en la retejo de BEL (www.esperanto.org.br). Dume, la Prezidanto de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo, Genildo Coelho, informas, ke la financoj de la asocio bone sanas, sed mankas materialo por publikigo en la revuo "La Lampiro"! Verkemuloj, kie vi estas? Skribu al lalampiro@easp.org.br

## BEL-JARLIBRO / 2008 SURVOJE

De Carlos Maria, Sekretario de BEL, ni ricevis la jenan, ĝojigan mesaĝon: "La CO (Centra Oficejo) de BEL tuj komencos prepari JARLIBRON 2008. En ĝin oni enirigos ĉiujn 2007-ajn membrojn kaj tiujn, kiuj jam aliĝis por la jaro 2008. Eĉ pri grafik-artaĵo ne zorgu. BEL-CO zorgos pri tio. Carlos Maria"

**Ĉu al vi mankas aktualaj informoj pri nia Esperanto-movado? Ĉu vi emas informi pri Esperanto al gazetoj, revuoj kaj radistacioj? Petu de Fabiano Henrique, tute taŭgan por vi! "Noticiário Esperantista" <fabhenrique@bol.com.br>.**

## CONFERÊNCIAS DA LIGA BRASILEIRA DE ESPERANTO" EM LORENA / SP

Em 3 e 4 de fevereiro, aconteceu em Lorena /SP essa nova iniciativa da Liga. A Casa da Cultura local disponibilizou local, aparelhagem e duas funcionárias. O jornal "Atos", a Rádio Cultura local e o sítio da cidade na Internet noticiaram o evento. Foram sete palestras de alto nível, pronunciadas por eminentes Esperantistas, seguidas de ativa participação do público. Participantes de 5 estados compareceram e receberam uma apostila contendo os textos de todas as palestras. Este material está disponível na página da Liga e a Diretoria planeja, aos poucos, enviar o material impresso a todos os sócios. A Diretoria decidirá se o evento fará parte do calendário anual das atividades la Liga. Dê sua opinião!

## 'BRAZILA ESPERANTISTO' PRECISA DE ANUNCIANTES E 'LA LAMPIRO' PRECISA DE ARTICULISTAS

O Redator da revista da Liga convida anunciantes para o próximo número. Mostre o seu produto!
O Presidente da Associação Esperantista de São Paulo solicita colaboradores para publicações no tradicional "La Lampiro". Mostre suas idéias!

## ANUÁRIO DA LIGA / 2008 A CAMINHO

Carlos Maria, Secretário da Liga, anuncia a boa notícia. A publicação planeja atualizar a lista de sócios de 2007 e 2008.

**Sendu al ni viajn informojn el lokaj kluboj kaj asocioj!**

**Kopiigu kaj sendu "BEL informas" al viaj geamikoj!**